# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

decembro 2006




★ En Zagrebo lanĉita la bengala *Hlapić*

★ Esperanto-grupo de Elementa lernejo Retkovec filmis TV-serion!

★ D-ro Velimir Piškorec malkovris nekonatajn faktojn pri Mavro Špicer

★ Zagrebo havas du Zamenhof-stratojn

★ Nova ĉefdelegito en Kroatio: Boris Di Costanzo

# Karaj legantoj!

Ni salutas vin ĉe la fino de la jaro 2006 kun bondeziroj por Kristnasko kaj Novjaro 2007. Antaŭ vi estas la speciala numero de *Tempo*, dediĉita al Zagrebo, kaj financata per Urba oficejo pri klerigo, kulturo kaj sporto. Tial vi trovos en ĝi, titolpaĝe zagreba bildkarto de Josip Pleadin. Sekvos pli ol kutime, spuroj pri la kultura vivo de Zagrebo, dum nia asocio survojas al sia centa jubileo: ni montras al vi kio aparte valoris en la teatra vivo de Zagrebo 2006 (per artikolo de Vida Jerman) kaj apartan artikolon ni dediĉas al mondkonata sciencisto Nikola Tesla, ĉar la jaro 2006 estis en Kroatio nomita la jaro de Nikola Tesla (artikolo de Nedeljko Korasić).

Artikolo de Radenko Milošević memorigas pri *ZEL-ano*.

Por nia Esperanta mondo la jaro 2006 estis la jaro de *Mirindaj aventuroj de metilernanto Hlapić*. Eldonejo en Kolkato *Samatat Prakashan* eldonis la bengallingvan *Hlapić* libroforme (post kiam la verko aperis en tri volumoj de la samnoma gazeto.) Kroata Esperanto-Ligo kun Ambasadejo de Hinda Unio en Zagrebo okazigis feston en Centro pri infana libro. Pri la graveco de transkultura interkomunikado parolis konsilanto *V. Mahalingam*. Kroatlingve legis lernantoj el Elementa lernejo *Mladost* kaj bengale legis *Sulekha Pollak* el Zagrebo. La ambasadejo regalis nin per bongusta manĝaĵo.



**Bengala sinjorino Sulekha Pollak legis el la libro.**

La publiko estis aparte impresita per la malkovroj prezentitaj de Ivan Andrijanić, lekciisto ĉe Filozofia fakultato, kiu rakontis pri ligoj de la aŭtorino kun R. Tagore, la plej granda verkisto de la bengala lingvo. Tagore prelegis en Zagrebo je la sama tago de la bengala librolanĉo antaŭ 80 jaroj, la 14-an de novembro 1926 en *Glazbeni zavod*, la aŭtorino *Ivana Brlić-Mažuranić* aŭskultis la prelegon, konservis enirbileton kun lia subskribo kaj notis sonojn de la bengallingvaj poemoj kiujn ŝi aŭdis. El la notoj eblis konstati kiujn siajn poemojn li legis...

Du TV-elsendoj kaj du radio-programoj sekvis el la evento.

Eĉ pli grandan sukceson havis lernanta grupo el Elementa lernejo Retkovec kiu, inspirita per partopreno en Internacia Infana Kongreseto, kuiris por TV-spektantoj dum tuta semajno de la 6-a ĝis la 11-a de novembro: ĉiun matenon dum kelkaj minutoj en programo *Bonan matenon, Kroatio* aperis alia manĝaĵo el nekonata kulturo. Infanoj mem kuiris kaj komentis. Ne mankis „alukablio" laŭ la bengala, honore al *Hlapić* en la bengala.

Per TV-programo rezultis ankaŭ la unua kultura aktiveco de novfondita Esperanto-Societo de Velika Gorica: ĉina vespero kun verkisto *Joža Horvat* kaj ĉina lernantino *Nan Xi* en *Infana biblioteko* en Velika Gorica la 21-an de novembro 2006.

Aludas pri alia evento por lernantoj la bildstrio kreita de *Tihomir Lovrić*, inspirita per partopreno de zagrebaj gelernantoj en *Euroscola 2006*.

D-ro *Velimir Piškorec* faris mirindajn malkovrojn pri *Mavro Špicer*, esperantisto al kiu ni dankas fondiĝon de la unua Esperanta asocio en Kroatio. Li prezentis la rezultojn de siaj esploroj per prelego *Vivi kvarlingve* (la tradukojn de Mavro Špicer recitis *Vida Jerman*, kantis *Neven Mrzlečki* dum la 8-an de decembro kiam zagrebaj esperantistoj festis Zamenhof-Tagon 2006). Zamenhof-tago montris la eŭropan dimension de Mavro Špicer en la prestiĝa zagreba adreso *Europski dom*. *Antun Kovač* la unua el ĉiuj esperantistoj ekpromenis tra la strato de Mavro Špicer kiun dediĉis al li urbo Našice, lia naskiĝurbo.

Ni adiaŭas de la jaro 2006 per la versoj pri tempopaso de *Lucija Borčić* kaj dankas al ĉiuj kiuj helpis ke la sumo de monhelpo por nia estonta ejo en Vodnikova 9 konsiderinde superis 13 000 eŭrojn!

En la jaro 2007 nia societo en Rijeka centjariĝos. Ĝuste en Esperanto-Societo en Rijeka aktivas nova ĉef-delegito por Kroatio Boris Di Costanzo.

Feliĉan Kristnaskon!

Bonan jaron 2007!

*S. Štimec*




**Titolpaĝo de la bengala eldono de Hlapić**

**Tempo**

Fondita en 1980. Ne aperis en militaj jaroj 1993 kaj 1994. Aperas laŭeble kvarfoje jare - Jaro XXV, numero 4/2006, ISSN 0352-1583. Tiu ĉi numero estas eldonita per financa helpo de Urba oficejo pri edukado, kulturo kaj sporto.
**Redakcio:** Kneza Mislava 11/III, HR-10000 Zagreb, Kroatio, **tel:** (385 1) 4617550, **fakso** (385 1) 4619373, **rete**: esperanto@zg.t-com.hr, **www.esperanto.hr** - **Kontribuis**: Lucija Borčić, Probal Dasgupta, Danijela Drakula, B. Cvjetanović, Boris Di Costanzo, Europski dom, Zlatko Hinšt, Nevenka Imbert, Vida Jerman, Vlado Jurković, Ursula Gratapaglia, Davor Klobučar, Nedeljko Korasić, Antun Kovač, Marta Kovač, Slobodan Kukić, Tihomir Lovrić, Venktkachalam Mahalingam, Vjekoslav Morankić, Radenko Milošević, Velimir Piškorec, Josip Pleadin, Stanko Rukelj, Spomenka Štimec, Draško Toplak, Zagrebačko kazalište mladih **Redaktis:** Spomenka Štimec, **Grafike aranĝis:** Josip Pleadin. **Presis:** Grafokom, Đurđevac, grafokom@kc.htnet.hr
**Anonctarifo** 1/1 paĝo 1000 kn (135 EUR) 1/2 paĝo 500 kn (68 EUR), lasta kovrilpaĝo 2.500 kn (328 EUR). **Abono:** 4 numeroj jare 40 kn (9,5 EUR), unuopa numero 10 kn (1,5 EUR)
***La redakcio ne respondecas pri la opinioj en la subskribitaj tekstoj.***

# LANĈO DE LA BENGALA *HLAPIĆ*

### Parolado de V. Mahalingam, konsilanto en Ambasadejo de Hinda Unio



***Vebkatachalam Mahalingam***, konsilanto en Ambasadejo de Hinda Unio en Zagrebo salutis la ĉeestintojn dum la lanĉo de la bengala *Hlapić* per la jena parolado:

Komunikado estas la plej granda inventaĵo de la homaro. Oni povus diri ke ĝi estas la inventaĵo de la homaro. Ĉu oni povas imagi kiel aspektus nia mondo se la komunikado ne estus inventita? Daŭre mankas unu lingvo per kiu eblus komunikiĝi kun ĉiu sur la terglobo. Esperanto estas la inventaĵo proponanta la solvon pri tiu stato.

Ni el Ambasadejo de Hinda Unio estas feliĉaj ke ni povas asociiĝi al Kroata Esperanto-Ligo kiu faris mirindan aferon tradukinte *Mirindajn aventurojn de metilernanto Hlapić* en unu el la lingvoj de Hinda Unio, en la bengalan. Pluraj el vi konas la fakton ke verkisto Rabindranath Tagore gajnis por sia poemaro en la bengala lingvo *Gitanjali* la Nobelpremion. *Gitanjali* legeblas ankaŭ en la kroata. Tagore vizitis Kroation en 1926.

Ni deziras ke la libro pri *Hlapić* estu tradukata en la aliajn lingvojn de Hinda Unio, samkiel ni deziras kontribui al estonta kultura kunlaboro inter la du landoj. Ni salutas anticipe nian kunlaboron kun Kroata Esperanto-Ligo pri tiu punkto.

Laste kaj ne malgrave, ni estas tre feliĉaj esti hodiaŭ la 14-an de novembro inter junaj geknaboj de Kroatio, kiuj estas la estonteco de tiu belega lando. Tiutage oni festas en Hinda Unio la naskiĝtagon de la Unua Premiero de Hinda Unio Pandit Jawaharal Nehru. La dato estas festata en Hinda Unio kiel la tago de la infanoj.

# Ni instruas en 2006

**Lernejoj:**

Elementa lernejo Retkovec
Retkovec bb
10 040 Zagrebo
Instruisto: Judita Rey Hudeček

Elementa lernejo Mladost
Utrine, Karamanov prilaz 3
10 020 Zagrebo
Instruisto: Marija Jerković

Elementa lernejo Sveti Križ Začretje
Školska 5
49 233 Sveti Križ Začretje
Instruisto: Tihomir Lovrić

Gimnazio Nova Gradiška
Instruisto: Manda Bunjevac

**Kluboj:**

Esperanto-Societo Rijeka
Instruistoj: Josipa Katunar kaj Vjekoslav Morankić

Studenta Esperanto-Klubo Zagrebo
Instruisto: Tina Tišljar

Esperanto-Societo „Bude Borjan" Zagrebo
Instruistoj: Darko Blažić kaj Tihomir Lovrić

Kroata Fervojista Esperanto-Asocio, Zagrebo
Instruisto: Roža Brletić-Višnjić

# ĈU VI BEZONAS VORTARON?

Esperanto-kroata Vortaro kaj Kroata-Esperanta Vortaro titolita ***"10.000 vortoj"*** daŭre aĉeteblas je la prezo de 60 kn ĉe Kroata Esperanto-Ligo. Aŭtoroj: Franjo Gruić, Davor Klobučar, Aleksandar Kocian, Josip Pleadin. La deka eldono.





# PRI VIVO KAJ VERKARO DE MAVRO ŠPICER (1862-1936)

***Mavro Špicer en sia zagreba loĝejo dum Pentekosto 1932. (Arkivo de J. Pleadin)***

Mavro Špicer

La vivo kaj verkaro de kroata verkisto, antologiisto kaj tradukisto Mavro Špicer estas nuntempe ĉefe nekonataj en la pli vasta publiko, kvankam lia verkaro ampleksas literaturaĵojn, tradukaĵojn, antologiojn, kulturhistoriajn kaj literaturkritikajn studojn, unu lernolibron kaj kelkajn vortarojn.

Mavro Špicer naskiĝis la 1-an de aprilo 1862 en juda familio en orientkroata urbeto Našice. Post finita elementlerneja edukado en sia naskiĝurbo, Špicer vizitadis gimnazion en Osijek, kie li aktivis en la gimnazia literatura grupeto *Javor* (Acero).

De 1881 ĝis 1883 li studis latinan, grekan kaj slavajn lingvojn kaj literaturojn en la Viena universitato, kie li kunfondis literaturan grupon de kroatiaj studentoj *Zvonimir*. Lia unua publikaĵo estis studo pri rolo de virinoj en la sudslava popola poezio, kiu aperis en 1881 en la Viena gazeto *Neue Freie Presse*.

En la okdekaj jaroj de la 19-a jarcento Špicer ricevis postenon en la aŭstri-hungara armeo. Dum la naŭdekaj jaroj de la 19-a jarcento kaj komence de la 20-a jarcento li laboris en la hungara defendministerio kiel oficiro kalkulisto. Dum tiu periodo li famiĝis kiel vortaristo, tradukisto kaj antologiisto, precipe kiel aŭtoro respektive kunaŭtoro de kroata-hungaraj vortaroj (*Magjarsko-hrvatski i hrvatsko-magjarski rječnik za sveopću porabu /Hungara-kroata kaj kroata-hungara vortaro por ĝenerala uzo/*, 1893; *Vojnički rječnik. Magjarsko-hrvatski dio /Militista vortaro. Hungara-kroata parto/*, 1900) kaj kompilinto de eĉ kvar antologioj de kroata literaturo en la germana lingvo (*Blätter und Blüthen aus Kroatiens Gauen /Foliaro kaj floraro el kroatiaj regionoj/*, 1894; *Kroatische Novellen /Kroataj noveloj/*, 1894; *Peter Preradović's ausgewählte Gedichte /Elektitaj poemoj de Petar Preradović/*, 1895; *Kroatische Lieder und Erzählungen / Kroataj poemoj kaj rakontoj/*, 1896). Samtempe li publikigis en kroata gazetaro studojn pri hungara literaturo kaj en hungaraj kaj germanlingvaj gazetoj tekstojn pri kroata literaturo. Li ankaŭ multe tradukis el la germana kaj hungara en la kroatan.

Dum la dua duono de la unua jardeko de la 20-a jarcento Špicer vivis en Zagrebo laborante kiel ĉefo de militista kalkulistaro ĉe la hungaria defendministerio. Dum tiu tempo li prelegis germanlingve en militist-scienca societo en Zagrebo pri diversaj kulturhistoriaj temoj. La prelegoj estis poste eldonitaj kiel libretoj (*Der Militarismus im Reiche der Poesie /Militarismo en spirito de poezio/*, 1906; *Aesthetik der Schlacht /Estetiko de batalo/*, 1907; *Vom Landsknecht bis zum modernen Soldaten /De pagita soldato al moderna soldato/*, 1908; *Kriegskunst und Tonkunst /Militarto kaj muzikarto/*, 1910; *Das Weib im Kriege und in der Politik /Virino en milito kaj politiko/*, 1911). Lia prelego *Die Weltsprache 'Esperanto' und ihre kulturelle Mission (Mondlingvo 'Esperanto' kaj ĝia kultura misio)* aperis parte en 1909 en la zagreba germanlingva taĝjurnalo *Agramer Tagblatt*.

En 1908 Špicer esperantistiĝis kaj fine de la sama jaro kunvenigis kroatajn interesemulojn pri Esperanto. La 2-an de januaro 1909 ili kunfondis Unuiĝon de Kroataj Esperantistoj kaj Špicer fariĝis ĝia unua prezidanto. En la sama jaro aperis lia kroatlingva propagandilo pri Esperanto *Međunarodni jezik esperanto i njegovo općenito značenje (Internacia lingvo Esperanto kaj ĝia ĝenerala signifo)* kaj la unua kroata lernolibro de Esperanto *Praktična obuka u esperantu sa rječnikom (Praktika instruilo de Esperanto kun vortaro)*. Špicer ankaŭ kunfondis la unuan kroatan Esperanto-revuon *Kroata Esperantisto*, en kiu li komence regule publikigis siajn tekstojn, precipe tradukaĵojn de kroataj literaturaĵoj. En aŭtuno 1909 – pro hodiaŭ por ni malklaraj kaŭzoj – li demisiis kiel prezidanto kaj ĉesis kunlaboradi en *Kroata Esperantisto*. Tamen li daŭrigis publikigi artikolojn pri Esperanto en kroata gazetaro kaj tradukaĵojn de kroataj literaturaĵoj en eksterlandaj Esperanto-revuoj. En 1912 aperis lia antologio de kroata poezio sub la titolo *Kroatiaj poeziaĵoj*. Dum la unua mondmilito li aktivis en samariana kampo.

Post la milito kaj post fondiĝo de Reĝlando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj Špicer reoficiriĝis en la armeo de la novfondita ŝtato kaj ricevis postenon en la armea ministerio en Belgrado. Pro malsano li emeritiĝis en 1921. Dum la dudekaj jaroj li malmulte verkis, sed oni povas supozi ke li tiutempe



***Salono de Europski dom en Zagrebo, kie okazis la ĉi-jara Zamenhoftaga festo.***




***Antun Kovač en Mavro Špicer-strato en Našice, nomita tiel laŭ peto de KEL al urbo Našice.***

okupiĝis pri verkado de enigmoj kaj enciklopedistiko, ĉar en 1930 aperis lia manlibro por enigmo-verkantoj kaj -solvantoj (*Leksikon za sastavljače i odgonetače zagonetaka s uvodom, tumačem i primjerima /Leksikono por verkantoj kaj solvantoj de enigmoj kun enkonduko, klarigoj kaj ekzemploj/*) kaj en 1931 libreto enhavanta kritikon de tiama gazeta enciklopedio (*Dvije tri o "Jugoslovenskom Leksikonu". Jedan književni unikum /Kelkaj vortoj pri "Jugoslavia Leksikono". Literatura unikaĵo/*).

Dum la 1930-aj jaroj Špicer reaktiviĝis kiel verkisto. Denove li publikigis kulturhistoriajn kaj literaturkritikajn studojn en kroataj gazetoj. Tiutempe li ankaŭ iĝis aktiva en la landa Esperanto-movado kaj verkis por la revuo *La Suda Stelo*, eldonata en Slavonski Brod. En 1933 aperis lia traduko de la fama kroata eposo *La morto de Smail-aga Ĉengijiĉ* de Ivan Mažuranić. En 1933 kaj 1934 Špicer estis ĉefredaktoro de la gazeto *Penzioner (Emeritulo)*, organo de Unuiĝo de ŝtataj emerituloj kaj vidvinoj de la regiono Savska banovina, en kiu li verkis komentariojn pri historiaj kaj tiutempaj temoj. Lia lasta libro, kroatlingva kulturhistoria studo pri virinoj sub la titolo *Ženska duša u svjetlu povijesti (Animo de virino en la lumo de historio)*, aperis en 1936.

Mavro Špicer mortis la 14-an de julio 1936 en Zagrebo. Li postlasis du ampleksajn manuskriptojn - Esperanto-antologion de kroata literaturo kaj Esperanto-kroatan vortaron - pri kies destino ni nuntempe nenion scias.

***d-ro Velimir Piškorec***




***Okaze de la jubilea jaro la monumento al Nikola Tesla kreita de skulptisto Ivan Meštrović aperis en la strato Nikola Tesla en Zagrebo (translokita el scienca instituto "Ruđer Bošković")***

## La jaro 2006 estis en Kroatio celebrita kiel la jaro de

# NIKOLA TESLA (1856 -1943)

Observu ni foje nian tagan ĉirkaŭaĵon, en nia teknika kaj teknologia mondo:

Diversaj trafikiloj en la stratoj, multaj helpmaŝinoj en niaj domoj, sennombraj komunikiloj (telefonoj, televido), lumigiloj, senfine oni povas nombri multajn aplikojn kies bazo estas la elektra kurento. Ĉu mezedukita homo demandis sin mem kiu inventis, en la moderna vivo, ĉieĉeestan elektran kurenton. Menciu ni nur fundamentajn sciojn pri ĝia produktado kaj distribuo, pri alterna elektra kurento kaj sennombraj aplikadoj. Oni simple ne povas mencii en unu artikoleto ĉion menciinda. Kies postsignoj estas en la menciendaj inventoj? Tiu homo estas ***Nikola Tesla***. Al li ni dediĉas ĉi tiun artikolon.

Nikola Tesla naskiĝis la 10-an de julio 1856 en vilaĝo Smiljan, regiono Lika, tiam en kadro de Aŭstri-hungara monarkio, nun Respubliko Kroatio. Lia patro estis ortodoksa pastro. Unue li studis en "reala" gimnazio en urbo Karlovac kaj poste li daŭrigis la studadon sinsekve de la jaro 1873 en Politeknika Instituto en Graz (Aŭstrio) kaj Universitato en Prago (Ĉeĥio). Lia unua elekto estis fiziko kaj matematiko, kaj poste lin entuziasmigis elektro kaj elek-trotekniko.

Sian karieron li komencis en telefona firmao en Budapeŝto en la jaro 1881. Jam tie ekĝermis la ideo pri avantaĝoj de alterna kurento, plurfazaj kurentoj kaj rotaciaj magnetaj kampoj por apliko en alternkurentaj elektraj motoroj ankoraŭ hodiaŭ uzataj.

Lia genio* eksplodis kaj fruktis nur kiam li translokiĝis al Usono per nombraj inventoj kaj patentoj.

Ĉi tiuj linioj instigu kaj fakulojn kaj laikulojn iom informiĝi pri Nikola Tesla, kiu certe meritas nomiĝi geniulo.

*Nedeljko Korasić*

**genio* = instinkta, eksterordinara kapablo originale imagi, inventi aŭ krei, en la artoj, la sciencoj aŭ la praktiko (PIV).

# DU ZAMENHOF-STRATOJ EN ZAGREBO




Malmultaj homoj scias ke ni en Zagrebo fakte havas du Zamenhof-stratojn: unu konata malfermita okaze de Universala Kongreso de Esperanto en Zagrebo 1953. Sed dumtempe el nia strato eliris ankaŭ Zamenhof-ŝtuparo, kunliganta la Zamenhof-straton kun la strato de Vladimir Nazor. (La stratoj Zamenhof kaj Vladimir Nazor apartenas al la elita parto de Zagrebo: en la Strato de Vladimir Nazor sian rezidejon havis interalie la forpasinta prezidento Franjo Tudman.) Kiam en 1953 Zamenhof-strato estis malfermita, esperantistoj ne estis tro feliĉaj: al ili ŝajnis ke la strato estis tro for de la zagreba urbocentro. Dum la posta duonjarcento elkreskis la arboj de Zamenhof-strato kaj la strato iĝis unu el la prestiĝaj adresoj de Zagrebo. Helpis al la fakto interalie ke je tiu adreso (dum la strato portis sian antaŭan nomon) du zagrebaj arkitektoj elektis por konstruado de elitaj luksaj vilaoj en la tridekaj jaroj: je la adreso Zamenhof-strato 1 arkitekto Drago Ibler konstruigis en 1938 vilaon nomata Blažeković, dum la alia fama arkitekto Stjepan Planić (pri kies arkitekta verko legeblas en Esperanto) konstruigis Vilaon Cuvaj je la adreso de Zamenhof-strato 17.

Davor Klobučar, vicprezidanto de KEL, sendis al ni la urbomapon el kiu videblas la du zagrebaj ZEOj. Li fotis ankaŭ la scenojn el la zagreba Zamenhof-strato.






# Zamenhof-Strato en la slovena kaj la portugala

La 27-an de novembro 2006 en Slovena domo en Zagrebo Zlatko Tišljar, direktoro de Inter-Kulturo el Maribor, prezentis la slovenan tradukon de Zamenhof-Strato de Roman Dobrzyński. El la verko tradukita de Vinko Ošlak legis aktorino Vida Jerman. Zagrebaj slovenoj povis informiĝi pri la verko kaj pri la kunlaboro rilate Zamenhof-Straton.

Intertempe la serio de Zamenhof-Strataj libroj riĉiĝis je ankoraŭ unu publikigita traduko: en Brazilia ĉe la eldonejo Uniao Planteria aperis la portugala eldono. Tradukis la verkon Affonso Soares, Ismael Miranda, James Piton kaj Paulo Sergio Vianna. La vico de Zamenhof-Strataj libroj kaj lingvoj en kiuj la verko legeblas, kreskas.

*S. Š.*




***Dekstre:*** *Titolpaĝo de la portugala eldono de* **Zamenhof-Strato**

# KUNLABORO DE *KEL* KAJ *SAT* PRI SENMINIGO DE KROATIO

Kunlaboro inter Kroata Esperanto-Ligo (KEL) kaj Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) estas daŭrigata ankaŭ ĉi aŭtune. Oni devas akcenti ke dum la okazinta kongreso de SAT en Beogrado fine de aŭgusto estis prezentita aktivado de SAT je kampo de senminigo ĝenerale kaj ankaŭ pri sukceso en Kroatio. Gefamilianoj Colette kaj André Weiss el Francio prezentis al la kongreso la laboron faratan por senminigo de Kroatio. Pri aktivado de senminigo de SAT kun kroataj samideanoj informis ankaŭ la 6-an de septembro 2006 konata beograda ĵurnalo "Politika". SAT ankaŭ kunlaboras kun Asocio por humaneca senminigo de personaj minoj (ARTID) el Francio. La Asocio ARTID evoligis aparaton por semninigado "Demichain". Tiun aparaton oni intencas testi per veraj minoj sur niaj kampoj en Kroatio. Denove KEL transprenis rolon de peranto en tiu laboro kaj ebligis al reprezentanto de ARTID René Joeckle renkonton kun mr. sc. Nikola Pavković direktoro de Centro por testato, evoluo kaj instruado de Hrvatski centar za razminiranje (Kroatia centro por senminigo). La kunveno okazis dum vizito de sinjoro René Joeckle en Zagreb la 18-an de oktobro. Kroatia centro estas preta fari ĉiujn testojn de la aparato. Same oni vizitis sekvan tagon entreprenom DOK-ING, grandan kroatian entreprenon, produktanton de maŝinoj por senminigado. Okazis kunveno kun ties direktoro inĝ. Vjekoslav Majetić. Reprezentanto de ARTID René Joeckle prezentis al DOK-ING aparaton "Demichain", sed ĝis nun oni ne parolis pri eventuala produktado de la aparato en tiu fabriko. En la perado por SAT kaj ARTID flanke de KEL partoprenis Vjekoslav Morankić, Nedjeljko Korasić kaj Anto Mlinar. Sinjoro Joeckle vizitis en la aldona programo la sidejon de KEL kaj ĉeestis la prelegon de Nevenka Imbert dum kunveno en "Bude Borjan" kaj havis interparolon kun Spomenka Štimec.

V.M.



# MIRINDA TEATRAĴO DE RENÉ MEDVEŠEK

Ĉiujare kroata teatra scenejo abundas je interesaj teatraĵoj prezentitaj de naciaj kaj urbaj teatroj. Krom la instituciaj teatroj en Kroatio aktivas 40 profesiaj teatraj trupoj, finance subtenataj de Ministerio pri kulturo kaj urbaj oficejoj pri kulturo. En Kroatio ekzistas ankaŭ multaj teatraj festivaloj, kie oni taksas artismajn atingaĵojn de aktoroj, reĝisoroj kaj aliaj artistoj kunlaborantaj pri realigo de teatraĵoj.

Al ni geaktoroj la plej ŝatata estas *Festivalo de aktoro* en Vinkovci, kiu okzas jam dek tri jarojn. La festivalo estas dediĉita al geaktoroj kaj ilia kreado.

Mi estis elektita en 2006 por prezidanto de la faka ĵurio de la 13-a Festivalo de aktoro kaj ni elektis la teatraĵon *La apuda pordo* kiel la plej bona teatraĵo. Ĝi estis prezentita de Zagreba teatro de gejunuloj. Ni honoris ĝin per premio *Fabijan Šovagović* omaĝe al la elstara forpasinta kroata aktoro. La teatra verko estis realigita surbaze de la motivoj de rakonto *Dek unu pikoj de kolero* de Svjeztlan Lacko Vidulić kaj estis dramigita kaj reĝisorata de René Medvešek. Temas en ĝi pri la nuntempa homo, bombardita per tiraneco, malpurigo de la planedo kaj per televidaj mesaĝoj kiuj lacigas la korpon kaj detruas la homan animon.

La verko prezentis brilan ludmanieron de la tuta ensmeblo kun pluraj roloj majstre enkorpigitaj. Vera teatra travivaĵo. La teatraĵo estis plia atingo en serio de mirindaj teatraĵoj de René Medvešek. Sekvis pluraj premioj de la sama teatraĵo ĉe aliaj festivaloj. Miaopinie tio estis unu el la plej eksterordinaraj teatraĵoj en Kroatio en 2006.

*Vida Jerman*



***Sur la foto de B. Cvjetanović: Danijel Ljuboja, Dora Polić kaj Barbara Prpić (kun permeso de ZKM)***

# Eta rememoro pri jubileo de la unua numero de ZELANO

Kiu esperantisto, ĉu zagreba aŭ kroatia, ankoraŭ memoras tiun Esperantlingvan bultenon, en kiu nur la komencpaĝa ĉiunumera resumo estis kroatlingva kaj ĝi kostis samtiom kiom kostis la tiama zagreba trambileto?

Pasis jaroj post apero de la unua numero de "oficiala bulteno de Zagreba Esperanto-Ligo": "ZELANO"! Sekve, en la jaro 1989 la unua presita numero de ZELANO, ofte skribita kiel "ZELano".

Ĉe la komenco monata (julio/aŭgusto dunumera) ĝi iĝis oficiala organo de Zagreba Esperanto–Ligo. Fakte ĝi komencis aperadi en novembro de la jaro 1987 kiel "Bulteno". Jam en decembra n-ro de 1987 ĝia titolo estis "Zelana heroldo/Zeleni vjesnik". Ekde januara n-ro de 1988 ĝi estis titolita "ZELANO". La unuajn numerojn redakciis gesinjoroj: Dragutin Balagović (redaktoro), Emilija Lapenna, Radenko Milošević (ĉefa kaj respondeca redaktoro), Ljiljana Pranjić kaj Franjo Šlabek. En la unuaj numeroj la plej granda parto konsistis el informoj pri sekvontaj prelegoj kaj eventoj en la zagrebaj esperanto societoj. Kiam la redaktorino iĝis Ljiljana Pranjić, la enhavo iom post iom diversiĝis, sed ŝi post la numero de julio-aŭgusto 1988 ne plu kunlaboris, kaj la taskon transprenis Marija Belošević kaj pli poste Nataša Jakovljević.

"Zelano" komencis aperadi kiel modesta kunmetaĵo de unuopaj laborprogramoj de Zagreba Esperanto-Ligo kaj la zagrebaj Esperanto-societoj: "Bude Borjan", Fervojista Esperanto-Societo, Studenta Esperanto-Klubo, kaj aliaj Esperanto-societoj.

"Zelano" estis maŝintajpita, fotokopiita, kun redaktoroj aperantaj kaj malaperantaj, sed kun redakcia averto: "Rakontu, skribu pri ĉio kaj subskribu, sed ne rerakontu, ne pledu por militoj ĉu en- ĉu interŝtataj kaj ne subtaksu tiujn kiuj laboras kaj eble eraras!"

"Zelano" ricevis kelkfoje atakojn, subfosadojn, submetadojn kaj riproĉojn rilate presajn kaj lingvajn erarojn, misuzojn lingvajn kaj diversajn fuŝaĵojn laŭ la sogano: "Kiu laboras, tiu eraras!" Ofte la riproĉintoj pravis, sed ne plenumiĝis "prognozo de iu", "ke vi (ne) sukcesos publikigi ĉijare (1988!) dek numerojn!". La "oficiala organo de ZEL kaj ĝiaj redakcianoj" iris obstine – antaŭen!

La enhavo de "Zelano" entenis tre diversajn artikolojn, kiuj iom post iom iĝis pli abundaj, enhavoriĉaj kaj disflorantaj. Necesas mencii, ke ĉefaj grupoj de artikoloj kaj ĉefaj entreprenitaj programeroj ĉe la komenco rilatis al Esperanto kaj per-por Esperanto. Ekde la novembra n-ro de la jaro1988 aperadis rubrikoj: "Zalaĵoj", "Ĝemelurba paĝo", "Eroj el nia historio", kroatlingva resumo kaj tekstoj pri krotaj granduloj, verkistoj kaj sciencistoj kaj pri kroataj historiaj eventoj.

"Zelano" publikigis bildstrion "OMBRO", ĉe la komenco forŝtelitan kaj pli poste permesitan de la aŭtoro, s-ro Ninoslav Kunc kaj Esperantigitan far' Josip Pleadin.

"Zelano" rememorigis pri kroataj verkistoj kaj sciencistoj: Josip Ruđer Bošković, Ivan, Gundulić, August Harambašić, Miroslav Krleža, Ivan Kukuljević Sakcinski, Ivan Mažuranić, Vladimir Nazor, Vinko Nikolić, Josip Pupačić, Tin Ujević, Vladimir Vidrić, Grigor Vitez, Stanko Vraz, kaj signifoplenaj eventoj el nia historio kiel "Naŭ jarcentoj post *Mare nostrum* – Nia maro", "Centjara jubileo de Kroata instruista domo", "320 jarojn post fondiĝo de la universitato", "La slabo de Baška" ktp.

La "Ĝemelurba paĝo" gastigis tiomfoje la plej bonajn kunlaborantojn el ĝemelurbo Bolonjo, membrojn de Esperanto-societo "Achille Tellini", kiel Mario Amadei, Giovanni Grossi, Norberto Saletti kaj ankaŭ el aliaj amikaj urboj: Kioto, Kievo kaj aliaj.

Zelano-adeptoj pretgis honor-diplomojn kiuj estis atribuitaj al elstaraj esperantistoj, al Esperanto-simpatiantoj kaj al Esperanto-societoj, iniciatis literaturan konkurson "Ivo Rotkvić", kies ĵuria prezidantino estis neforgesebla esperantistino s-ino Emilija Lapenna kaj starigis tabulon sur la domo de la nuna Placo de reĝo Tomislav n-ro 21, okaze de la 80-jariĝo de la unua n-ro de "Kroata esperantisto", kies redaktejo troviĝis en tiu domo kun redaktorino Danica Bedeković - Pobjenička.

"Zelano", kiun eldonadis Zagreba Esperanto-Ligo, estis iniciatinto de "ETLIB"-serio (A6-formataj libretoj). En "Etlibra" serio literatura estis publikigitaj originalaj poemoj de la societaj membroj, omaĝe al la 45-jara datreveno post la fondiĝo de ES "Bude Borjan"– "Jubilea versgirlando", premiitaj originalaj poemoj de makedonaj esperantistinoj Vera Ĉornij kaj Nevenka Tomić: "Ŝtupoj / Kiel, kien", poemoj de Dragutin Domjanić: "Sub suno kaj ombro", tradukitaj de Zvonko Rehorić, Esperantlingva originalo de neforgesebla poeto Marko Petrović: "Ilia tosto je nia kosto" kaj traduko de "La eta princo", de Antoine de Saint-Exupery far' Zvjezdana Ladika kaj Emilija Lapenna. En la serio pri historio aperis aŭtorita kaj redaktita de Franjo Šlabek libreto titolita "Fervojista Esperanto-Societo Zagreb" kaj en la serio sentitola estis publikigita "Kantareto de ZEL".

La paĝoj de "Zelano" realigis la ideon de Nataša Jakovljević (en septembra kaj oktobra numeroj de 1990), kiam tio necesegis – ludantajn verdajn kvinpintajn Esperanto-stelojn: amikecon, kunlaboron, komprenon, kunecon kaj amon. Tiam, bedaŭrinde, jam en aŭgusto de la jaro 1990 komenciĝis la tiel nomata "traba revolucio"! "Zelano" tuj anoncis siajn timojn kaj avertojn pri estonteco!

"Zelano" estis inter la unuaj gazetoj en Kroatio, kaj certe la unua esperantista periodaĵo en Kroatio, en kiu oni antaŭsentis "akumuliĝon de malagrablaj kaj danĝeraj ventoj" en la tiama ŝtato. En la februara n-ro de 1989 estis unuafoje antaŭsentite, ke "Malvarmegaj socipolitikaj kaj ekonomiaj ventoj blovas en la ŝtato". La artikolo plue tekstas: "Nova tempo kun nova vento al ĉiu prudentulo ofertas resumadon de la pasinto, antaŭvidadon de estonteco kaj ĝenerale serĉadon de tempo kaj de la esenco." En decembra n-ro de 1989 tiucele estis donita averto per la poemo "Kvara rajdanto" de Mehmedalia Mak Dizdar:

*"Tempo estas ke oni pripensu pri tempo,*
*ĉar putraĵo ĝis senkonscienco odoraĉas*
*ekde morto putra*
*... ĉar grandaj akvoj al ni torentas*
*...ĉar tiom malmulte da tempo estas*
*kaj tempo ne plu ekzistos."*

Kiel neatendite ĝi aperis en la jaro 1987, samtiel "Zelano" estis anstataŭita per la gazeto "Kroata esperantisto", kiu reaperis la 18-an de julio 1992, kaj "Zelano", post la junia numero en la jaro 1992 malaperis - enirinte en historian eternecon!

*Radenko Milošević*

# KROATIO RICEVIS NOVAN ĈEFDELEGITON



La estraro de UEA konfirmis novan ĉefdelegiton por Kroatio: Boris Di Costanzo. Ni prezentas lin ĉi-sube:

***Boris Di Costanzo***
***Šetalište Carmen Sylve 19***
***51410 Opatija***

***Telefono: 051 /715309***
***Poŝtelefono: 098/9294623***

***Ĝirkonto: 2491005-3241004986 ĉe Credo Banka Split, filio Matulji.***

Boris Di Costanzo naskiĝis la 28-an de januaro 1944. Laŭ profesio li estis vendisto de kemiaj varoj. Emeritiĝis en la jaro 1999.

Esperantistiĝis en la jaro 1984 en Rijeka. Prezidanto de Esperanto-societo Rijeka de 1988 ĝis 1989 kaj ekde 2001 ĝis nun. De 1994 membro de la societa prezidantaro.

Partoprenis la Universalajn Kongresojn de Esperanto en Roterdamo, Prago, Zagrebo, Gotenburgo, Pekino, Vilno kaj Florenco.

Ĉeestinto de la kunveno de Radikala partio en Bruselo dum kunveno en Eŭropa parlamento .

Partoprenis kelkajn regionajn renkontiĝojn: Trilanda Konferenco en Arnoldstein, Udine, Kőszeg, Senta, Rijeka.

Organizanto de Konkurso por Elementaj Lernejoj el Kroatio pri Scio de Esperanto ekde 2001.

Membro de la nuna KEL-prezidantaro.

Prizorganto de la ekspeda servo de la gazeto "Tempo".

# SOCIETOJ DE RIJEKA KAJ TRIESTO ĜEMELIĜOS

Membroj de Esperanto-Societo Rijeka ekskursis la 19-an de novembro 2006 vilaĝon Kaštelir por gustumi vinon ĉe sia membro Marcel Trampuh.

La 17-an de decembro 2006 denove leviĝos glasoj por tosti: en Triesto ĝemeliĝos la 100-jara Triesta asocio kun la (ekde 2007) 100-jara Esperanto-asocio el Rijeka. Ankaŭ *Tempo* levas sian glason!

V. M.

# OSIJEK: „LIBERIGA STELO" TRANSLOKIĜOS

En la lasta numero ni skribis ke Esperanto-Societo „Liberiga Stelo" entreprenis beligon de la ejo en la malnova urboparto Tvrda. Post pena laboro de membroj, montriĝas ke ne ili uzos la ejon. Montriĝis, ke la urbo ŝanĝas la planojn pri uzado de Tvrđa: ĉiuj asocioj uzanta Tvrda*n* devas elloĝiĝi. Ankaŭ „Liberiga Stelo" translokiĝos al nova adreso.

Esperanto-Societo el Osijek donacis tridek librojn de Davor Klobučar „Esperantski mozaik" al zagrebaj urbaj bibliotekoj .

D. K.

# *KUNE* FESTIS 35 JAROJN!

Kroata Unuiĝo de Nevidantaj Esperantistoj (KUNE) festis belan jubileon: pasis 35 jaroj ekde la fondiĝo de la societo en 1971. La festo okazis la 4-an de novembro 2006 per la solena jarkunveno de la asocio. Pri la komenca laboro parolis la kunfondinto Tomislav Karlović. Estis interese konstati per la raportoj de la asocio (kaj ne laste per la financa stato) ke KUNE apartenas al la plej sukcesaj asocioj de KEL. La asocia jara buĝeto alproksimiĝas al 70.000 kunaoj. Aparte ĝojiga estis la informo ke KUNE ricevis sian oficejon ekuzota tuj kiam ekfunkcios la novordigita eleganta biblioteko de Asocio de blinduloj de Kroatio.

La festo de la jarkunveno finiĝis per komuna tagmanĝo de la anaro.

Okaze de la jubileo *Tempo* gratulas kaj publikigas artikolon de instruistino Nevenka Imbert konsideranta la vivon de KUNE: Kiel Mira senŝeligas terpomojn.

S.Š.

# KIEL MIRA SENŜELIGAS TERPOMOJN

Kiam en Kroata Esperanto-Ligo Spomenka demandis min, ĉu mi volas instrui Esperanton al nevidantaj personoj, mi preskaŭ tuj diris "Jes". Kiel mi kuraĝis promesi ion pri kio mi havis nenian sperton? Tamen, ion mi havis – la emon instrui Esperanton.

Mi eksciis, ke temas pri plenkreskuloj kiuj ŝatus lerni nian lingvon. Kaj mi venis la unuan fojon. Estis tie Antun, kiu organizis la kurson, kaj Mira, Ivan, Goga, Drago, Radmila, Borka, Snješka kaj Nikola. Ni rigardis unuj la aliajn. Jes, ni rigardis, ĉar de la unua momento mi sentis ke ili min vidas tre bone kaj lerte ili reagis.

Ĉiuj komprenis kiel lerni, kiel fari la novajn vortojn utiligante prefiksojn kaj sufiksojn. Ĉi tio estis agrabla kaj amuza komenco. Niajn lecionojn ni havis en la brajla skribo kaj tio ege faciligis nian laboron, kaj la lernantoj bele progresis, regule venadis kaj fine sukcesis pasigi A-ekzamenon.

En tiu ĉi jaro mi havis dudek-horan progresigan kurson, kaj mi povas konstati, ke miaj novaj geamikoj scipovas jam bele konversacii.

Io alia okazis. Tiu laboro ege riĉigis mian vivon. Ofte farante simplajn taskojn en mia domo, irante surstrate, mi pensas: kiel ili tion faras? Kiel, ekzemple, Mira senŝeligas terpomojn? Kiel purigas legomojn? Kiel ... kiel ... Sed almenaŭ mi scias: al Mira neniu vendas malbonkvalitajn legomojn.

Dankon geamikoj!

*Nevenka Imbert*



## ĈINA VESPERO EN VELIKA GORICA

Infana fako de Urba biblioteko en Velika Gorica gastigis Esperantan projekton la 21-an de novembro 2006. Al infana kaj plenkreskula publiko estis prezentita ĉina traduko de kroata romano "Wakajtapu" de verkisto Joža Horvat, ĉinigita per Esperanto de Hugozhu kaj eldonita de Hubei-Esperanto-Asocio sub prizorgo de Hu Zu. La aŭtoro mem ĉeestis kaj parolis al la publiko.

Infanoj legis fragmenton el la verko en la kroata Esperanta kaj ĉina. Aparte elstaris programero de ĉina prezento, plenumita de ĉina lernantino Nan Xi. Tio estis la unua publika prezento de ĉinoj en urba biblioteko kontribuante al integrigo de eksterlandanoj en la kulturan vivon de la urbo. Urbestro de Velika Gorica Tonino Picula sendis sian saluton okaze de la prezento de la kroata libro ĉine. Lernantoj havis la okazon de sia ĉina samurbanino ricevi lecionon pri uzado de manĝbastonetoj dum gustumado de rizo...

La tuta programo celis doni al la nove fondita Esperanto-Societo en Velika Gorica okazon distribui varbilojn por la nova Esperanto-kurso.

*S. Štimec*



Foto: Marta Kovač

## Vodnikova – decembro 2006

| | |
|---|---|
| 212. Drago Smolić | 5,00 eŭroj |
| 213. Lucija Rusak-Orehovec | 4,00 eŭroj |
| 214. Nada Radonić | 13,62 eŭroj |
| 215. Marijan Benc | 6,82 eŭroj |
| 216. Zorica Šnajdar | 6,28 eŭroj |
| 217. Silva Braus | 6,28 eŭroj |
| 218. Irena Pavičić | 6,28 eŭroj |
| 219. Tina Tišljar | 6,28 eŭroj |
| 220. Siniša Bronić | 40,88 eŭroj |
| 221. Dinko Matković | 10,00 eŭroj |
| 222. Davor Klobučar | 88,44 eŭroj |

***Korekto:***

Enpago 197 rilatis ne al M. Grgić sed Nela Dončević.

En oktobro kolektite: 194,20 eŭroj

**Entute: 13.254,71 eŭroj**

Al ĉiuj subtenantoj tre koran dankon!

## OMAĜE

### Ivan Stojanić (1925 - 2005)

Atingis nin nur nun la informo, ke membro de Kroata Fervojista Esperanto-Asocio (KFEA) ***Ivan Stojanić*** mortis en oktobro 2005. Li naskiĝis la 1-an de julio 1925 en Brodski Stupnik. En la jaro 1956 Stojanić fariĝis membro de tiama Fervojista Esperanto-Societo Zagreb. Ankaŭ li estis ano kaj ĝis la jaro 1990 prezidanto de Esperanto-Societo Slavonski Brod, en la urbo kie li travivis la plej grandan parton de sia vivo. Li laboris en fervoja laborejo pri bontendo de lokomotivoj kaj vagonoj en Slavonski Brod kiel gvidestro de laboristoj. Lastajn jarojn de vivo li loĝis en Dugo Selo apud Zagreb. Stojanić partoprenis en kongresoj de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) kaj en kroataj Esperanto-kongresoj. Dum la lasta jarkunkveno de KFEA ĉi-jare li estis proklamita honora membro de KFEA.

*Zlatko Hinšt*

### Vera Rajković (1927-2006)

Atingis nin informo ke en Osijek la 4-an de junio 2006 mortis esperantistino Vera Rajković el Vinkovci naskita en 1927.

## ERNESTO REY HUDEČEK KUIRIS ANTAŬ TV-KAMERAOJ

Lernanto Ernesto Rey Hudeček estis gastanta knabo en la teamo de Elementa lernejo Retkovec kiu kuiris antaŭ TV-kameraoj prezentinte internaciajn recpetojn. La geknaboj prezentis la receptojn sed aldone ankaŭ la frukton de la laboro post sekvado de la receptaj instrukcioj. La tasko de Ernesto dum la filmado de la geknaba TV-serio ne estis facila: li elektis krei antaŭ kameraoj la naskiĝtagan kukon nomata „Torto markizino". Du fojojn li ekzercis en la hejma kuirejo kun sia panjo Judita Rey Hudeček kaj la trian fojon li jam brilis, kiel sendependa kukisto, antaŭ kameraoj.



*Ernesto Rey Hudeček kuiras*

Kiam la kroata TV helpos okaze de Kristnasko kaj la Nova Jaro per diversaj ideoj al siaj spektantoj, unu el kuirejaj konsilantoj estos ankaŭ Ernesto kun la granda blanka ĉapo kun la teksto „Esperantista kuirejo". Pri kuirarto de la aliaj popoloj li lernis ne nur pro la bolivia patro sed ĉar li gustumis la italajn specialaĵojn dum la Infana Kongreseto en Prato.

S.Š.

## DATREVENO DE LA PEREO DE D-RO PREDRAG ĐAKOVIĆ

La 3-an de decembro 2006 pleniĝis la 15-a jaro ekde kiam pereis en la milito nia membro Predrag Đaković, nomata Pero. Li estis kuracisto laŭ profesio, edzo de nia membro Mladenka kaj patro de kvin infanoj Val, Sana, Petra, Dan kaj Gaj. Esperanton li lernis kiel studento pri medicino en Studenta Esperanto-Klubo kie li ankaŭ instruis ĝin. Kunlaboranto de la kluba gazeto „Jes,sed". Tradukinto el Esperanto kaj kunlaboranto de Pupteatra Internacia Festivalo. Lia loĝloko Velika Gorica difinis lian sorton: li estis kuracisto de la 153-a brigado el Velika Gorica de la Kroata Armeo. Lia tombo estas en Velika Gorica. Ni portas memoron pri li en niaj koroj.

## NAĜU, NAĜU ŜIPO MIA – PRELEGO DE VELIMIR PIŠKOREC PRESITA

Aparta broŝuro de Societo por aplikata lingvistiko, redaktata de Jagoda Granić sub la tiolo „Lingvo kaj medioj" – *Unu lingvo - pluraj mondoj*, enhavas la kroatlingvan tekston de D-ro Velimir Piškorec en kiu li analizas, por la bezonoj de scienca simpozio en Split la unuan kroatan gazeton *Kroata Esperantisto*. La 11-paĝa artikolo (kun la ŝlosilvortoj *interlingvistiko, Esperanto, Kroatio* kaj *revuo*) de D-ro Piškorec titolita *Naĝu, naĝu ŝipo mia – la unua kroata Esperantlingva gazeto Kroata Esperantisto (1909 -1911)* enhavas ankaŭ anglalingvan resumon kaj grave kontribuas al la aktuala traktado de Esperanto en sciencaj rondoj en Kroatio.

# Poemoj de Lucija Borčić

## VIVOAĜE

I.

*Junaĝo estas*
*por ami kaj ardi.*
*Mezaĝo estas*
*por krei kaj bardi.*
*Maljunaĝo servas*
*por la sanon gardi,*
*por ravi kaj tardi.*

II.

*Junaĝe oni*
*amas kaj ardas.*
*Mezaĝe oni*
*kreas kaj bardas.*
*Maljunaĝe oni*
*la sanon gardas,*
*revas kaj tardas.*

## BILDOJ, BILDOJ

*Bildoj, bildoj el hieraŭo*
*ĉeestas, kunludas, konstantas*
*en mia nuno kaj hodiaŭo.*
*Memoroj, vizioj min hantas.*

*Paseo, iamo min konsolas,*
*defilas amikaj, kunalaj spuroj.*
*Iliaĉeeste mi neniam solas.*
*Mi fuĝas de l' nuno, kia la futuro?*

## UMBERTO ECCO KAJ LA UNUA LERNOLIBRO DE ESPERANTO

Dum la decembra Librofoiro en Pula, kiu elkreskis al la plej respektata kroata librofiro, inter multaj aliaj aŭtoroj, gastis ankaŭ itala verkisto Umberto Ecco, interesa al esperantistoj pro sia verko pri serĉado de la perfekta lingvo. Dum la renkontiĝo kun publiko en Pula, konata esperantisto D-ro Ivo Borovečki bele surprizis la italan gaston donacinte al li – la kopion de la unua lernolibro pri Esperanto de L.L. Zamenhof.


GEJUNULOJ
EN EU
PARLAMENTO


Kiam?


Ĉu vi estis en EU Parlamento?
Kion vi faris tie?


Gejunuloj eniras parlamenton.


Ni lernis kiel funkcias EU. Ni laboris en laborgrupoj kaj oni poste voĉdonis pri niaj proponoj.


Jen mi, Ivan Puh, ĉi tie.


Kio estas esperanto? Tion ni klarigis al junaj finnoj.


Poste laborgrupoj prezentis siajn konkludojn kaj junaj parlamentanoj voĉdonis.


EU havas aktuale 21 oficijalajn lingvojn.